


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2014.3



*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# PENSOJ PRI LA 66-a IFEF- KONGRESO

Mi legis iomete ĉagrene la protokolon de la lasta estrarkunsido pri la aliĝintoj al la 66-a IFK. La LKK kalkulis kun 150 partoprenantoj, kaj aliĝis nur 110 personoj. Kiam la italoj anoncis sin organizi la 66-an IFK-n, multaj fervojistaj esperantistoj diris entuziasme, ke ni partoprenos tie, sed tamen multaj el ili ne aliĝis. Mi scias, ke bedaŭrinde multaj fervojistaj esperantistoj maljuniĝas, pluraj estas malsanaj, eĉ multaj jam mortis. Sed tamen la nombrojn de la aliĝintoj mi taksas malmulta. Mi vidas, ke la LKK-anoj ege multajn laboris por la sukceso de tiu ĉi kongreso, kaj ili estas iomete trompiĝintaj.

Kio estas la plej grava tasko de IFEF? Laŭ mia opinio: varbado novajn adeptojn, novajn membrojn. Se ni trastudas la malkreskon de la membro-nombro de IFEF, ni spertas, ke jaro post jaro grave malkreskas tio. En la komenco de la nova jarcento IFEF havis ankoraŭ pli ol mil membrojn, kaj nun tiu cifero estas 442. Ni devas pripensi niajn agadojn kaj decidi la gravan vicordon. Se ni tralegas la broŝuron de Dieter Hartig, ni vidas, ke kiuj vojoj kondukas al la sukceso. Mi varme proponas al la komitato de IFEF konsideri la kongresproponojn de Martin Stuppnig por plibonigi nian laboron, savi la atingitajn rezultojn, ne persisti ĉe la ĝisnunaj praktikoj, sed serĉi novajn vojojn, novajn eblecojn por antaŭpaŝi.

Mi legis pri la estrarkunsido de UEA, kiu petis la landajn kaj fakajn asociojn kunlabori por atingo de la 10%-a kresko fiksita en la Strategia Laborplano. La estraro de UEA forte esperas, ke ĉiu esperantistoj *„trovos manieron kontribui al tiu celo, ĉu per rekta kontaktado kun familianoj kaj amikoj, ĉu per publikaj en lokaj kaj landaj renkontiĝoj, ĉu per kunlaboro kun la landaj kaj fakaj asocioj ktp. Tio estas tre praktika maniero kontribui al la progreso de la Asocio."*

Do karaj fervojistaj kaj nefervojistaj esperantistoj ek al la agado por serĉi taŭgajn rimedojn kaj vojojn kreskigi la membro-nombron de la esperantistoj, kaj plibonigi nian agadon!

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:

### „LANDWASSER" VIADUKTO EN SVISLANDO

# ENHAVO:

# PRINTEMPA ESTRARKUNSIDO DE IFEF

Profiti la etoson de la fervoja esperantista renkontiĝo kaj samtempe eklabori pri la estonteco de IFEF, niaj IFEF-estraranoj sukcesis solvi tiun dilemon. Pro tiu rezulto ni ŝuldas al nia vicprezidanto Sylviane Lafargue kiu invitis la IFEF-estrulojn al nia nacia fervojista kongreso en Bretonio.

Tiu evento okazis en Plestin-les-Grèves, ĉe la maro. Mi ne rilatos pri la aranĝo. En alia loko vi legos pri ĝi.

Ĉeestis tiun kunvenon Rodica Todor (RO) prezidanto, Sylviane Lafargue (FR) vicprezidanto, Vito Tornillo (IT) sekretario, Laurent Vignaud (FR) kasisto, Jindrich Tomisek (CZ) ĉefkomitatano.

Estis invititaj kiel gastoj Jean Ripoche (FR) kaj parte Anna Abelovská (CZ).
Laŭ la programo, la prezidanto bonvenigis la ĉeestantojn kaj malfermis la kunsidon.




Sinsekve jenaj kutimaj punktoj estis diskutitaj :

- Aprobo de la E-kunsido en Baile Felix (RO)

- 66-a IFEF-kongreso en San Benedetto del Tronto.
Temis ĉefe pri la ĝisnuna situacio (110 alinĝintoj kun budĝeto planita por 150 partoprenantoj), la programo estas preskaŭ definitiva, mankas nur kelkaj detaloj.

- Inaŭguro kun reprezentantoj de diversaj instancoj
Kelkaj invititoj ankoraŭ ne reagis al la alvoko.

- Fakprelegoj
Preparitaj de Vito Tornillo, la du ĉefaj prelegoj estas preskaŭ pretaj. Espereble venos ankoraŭ aliaj prelegetoj antaŭ la kongreso.

- Ekskursoj
Liberaj lokoj atendas novajn interesantojn eĉ la malfruiĝantoj povos partopreni.

- Postkongreso
Ĝi plenumos tri aldonajn tagojn kun restado en la sama hotelo, samkondiĉe kun tri duontagaj ekskursoj. Pri la detaloj ni devas atendi la aliĝilon de la partoprenantojn ĉar la kosto rilatas al la nombro de la vizitantoj.

-Sekvis aliaj punktoj rilatantaj al Organizaj aferoj kiel cirkulero de nia ĉefkomitatano (ĝis nun, ankoraŭ kelkaj ne respondis), kongresproponoj proponitaj de Martin Stuppnig rilatantaj al malaltigo de la devigata nombro de la naciaj membroj de la landaj asocioj por ricevi rajton aliĝi al IFEF kaj havi komitatanon (aliloke vi povas legi tion).

-Faka Komisiono. Jen parto de komentario de Hm Hoffman: *Granda parto de mia terminara laboro estis kaj estas revizioj de faktekstoj – kaj por Fervojfakaj Kajeroj kaj por la regula artikolserio de Jindřich Tomíšek "El fervoja mondo". UIC promesis, ke en 2014 finfine aperos reta versio de RailLexic, abonebla de ĉiuj interesatoj. La abonprezo estos ne tiom alta kiel tiu de CD-ROM-disko. Eventuale eĉ eblos 7-taga senpaga rigardo*.

- Venontaj kongresoj estas planitaj en Ĉinio (2015) kaj Bulgario (2016)

- Ŝanĝo de nia statuto. Estis proponita ke dum la kongreso la komitato pludiskutos aliajn eblecojn por reordigi ĉiujn postenojn ene de IFEF.

-Aliaj punktoj estis studitaj kiel financaj (ne estas proponita plialtigo de la kotizo krom por la landoj kiuj petos sendadon de perpapera bulteno), redakciaj aferoj (krom la portempa malsano de nia redaktoro, li daŭrigas sian agadon ene de la estraro), agadplano de IFEF (vicprezidanto adaptigos ĝin laŭ la proponoj kiuj venos de la IFEF-membroj). Hm Hoffman proponis ŝanĝojn pri pluraj detaloj koncerne la terminaran laboron. Ĉinaj kolegoj proponis kelkajn ŝanĝojn al la regularo.
-Poste, la rigardo iris al esploro de estonteco de IFEF (kelkaj unuopaj kontaktitaj fervojistoj jese respondis al la propono aliĝi al IFEF), eksteraj rilatoj kun la diversaj internaciaj organizoj.
- UEA, ĝis nun ne multaj aliĝis al UK en Bonaero (Argentino). La vicprezidantino kiel komitatano "A" ne povos partopreni pro familia situacio.

- FISAIC, la estraro subtenas la proponon de Georges Wallerand pri la aliĝo de IFEF kiel unuopa membro de FISAIC

- SAT- ILEI - UMEA - ISAE La rilatoj estas bonaj.

-Venontaj estrarkunvenoj. Je la nomo de Ĉeĥa Fervojista Sekcio, nia ĉefkomitatano invitis la estraron partopreni la venontan estrarkunvenon en Ĉeĥio fine de oktobro dum la landa fervojista kunveno.

**Jean Ripoche**

# KONGRESPROPONOJ
## por la 66-a IFK

Martin Stuppnig Honora Membro de IFEF el Aŭstrio preparis du kongresproponojn:

**Kongrespropono n-ro 1:**

Laŭ la Ĝenerala Regularo de IFEF §12, Al 1/ a/ punkto:
„La minimuma nombro de asociaj membroj, rajtigantaj havi komitatanon, estas dekkvin. Landa asocio kun 15 ĝis 100 membroj delegas unu komitatanon, kaj unu plian por ĉiu komencita cent, maksimume ses komitatanojn."
Laŭ la ŝanĝpropono la nova teksto estas la jena:
„La minimuma nombro de asociaj membroj, rajtigantaj havi komitatanon, estas kvin. Landa asocio kun 5 ĝis 20 membroj delegas unu komitatanon kaj unu plian por ĉiu komencita dudek, maksimume ses komitatanojn."

**Komento:** La ĉefa celo estas haltigi la nuligon de la ankoraŭ ekzistantaj, kaj laŭeble restarigi la jam nuligitajn landajn asociojn, por certigi la ekziston de IFEF. Do necesas zorgi, ke nepre en ĉiu lando ekzistu „Landa asocio". La baza redukto al kvin plejeble atingeblas kaj plenumas eĉ la konforman leĝaron en la plej multaj landoj.

**Kongrespropono n-ro 2:**

Laŭ la Statuto de IFEF IV Estraro, §17 Konsisto:
„ La estraro de la Federacio konsistas el prezidanto, vicprezidanto, sekretario, kasisto kaj redaktoro."
§ 20 Funkcioj de la estraranoj 2/ punkto: La vicprezidanto:
„a./ anstataŭas la prezidanton, laŭnecese;
b./ kolektas la jarraportojn de la landaj asocioj kaj verkas ties resumon por plenkunsido kaj IFEF-organo;
c./ transprenas specialajn taskojn laŭ interkonsento kun la prezidanto."
Laŭ la ŝanĝpropono la nova teksto estas la jena: § 17 Konsisto: „La estraro de la Federacio konsistas el prezidanto, sekretario, kasisto kaj redaktoro." § 20 Funkcioj de la estraranoj 2./ punkto: La vicprezidanto: la posteno ne plu ekzistas, la taskoj estas dividitaj inter la aliaj estraranoj kaj la ĉefkomitatano.

**Komento:** La jam draste reduktita membrostato de IFEF, same urĝe rekomendas konforman redukton de la IFEF-estraro.

**La redaktoro**

## Restado en Plestin- les- grèves

La kongreso de la francaj fervojistaj esperantistoj okazis de la 5-a ĝis la 8-a de aprilo 2014 en la nobeldomo de Kerallic, marborde de la urbeto Plestin-les-Grèves, kiu troveblas en la departemento Côtes d'Armor.

Partoprenis, tute aŭ parte, ĉirkaŭ 40 personoj. Kvankam la daŭro de la kongreso estis mallonga la organizantinoj klopodis starigi plenplenan programon, kiu enhavis plaĉajn diversaĵojn : parton de laboro dum la ĝenerala kunveno, sed ankaŭ estrarkusido de IFEF fakuloj por prepari la proksiman kongreson en Italio ; distraĵojn dum la tri liberaj vesperoj ; tuttagan ekskurson , parte ŝipe, parte fervoje, kun halto por tagmanĝi sur la insulo Batz . Tie ni povis marŝi dum du horoj kaj por kelkaj eĉ viziti la tiean ekzotikan Ĝardenon . Dum la tuta tago profesia gvidantino akompanis nin, kaj klarigis la historion de tiu legoma regiono kiu apartenas al la komerca ora zono. Lunde, duontagaj ekskursoj veturigis nin al vizitoj de fervojaj konstruaĵoj en la ĝardeno, kaj poste al agrikultura muzeo, kiu pritraktas la pasintecon de la agrikulturo de la jaroj 1870-1970. Du interesaj vizitoj, kiuj plaĉis pro iliaj originalecoj kaj la riĉeco de la materialo, ĉu fervoja, ĉu agrikultura.



Ni entuziasmiĝis per diversaj dancoj, en kiuj partoprenis ankaŭ la kongresanoj je la klaraj konsiloj de la mastro, kiu regis niajn piedojn por aliri ne al perfekteco, Koncerne la vesper-spektaklojn, la ĉeestantoj ŝancis ĝui grandan diversecon : la unuan vesperon ni spektaklis la prezenton de tradicia bretona danco-grupo de la proksi-

ma vilaĝo Garlan. Agrablaj momentoj estis por ĉiuj.

La sekvan vesperon fakulo de la mara fiŝkapta profesio, kun humoro prezentis al ni la situacion de la mondo pri la fiŝkaptado en la diversaj maroj kaj oceanoj.

La lastan vesperon tri junaj virinoj ravis nin tra originala spektaklo, kiu miksigis la gestojn, la dancojn kaj la perfektecon de la voĉoj tra diversaj amuzaj strangaj kanzonetoj.



Estas ĉiam agrabla renkontiĝi en esperantista etoso kaj rememorigi la iamajn, ne tro malproksimajn epokojn, kiam pli ol cent personoj aliĝis al niaj jarkunvenoj. Tiun-ĉi jaron malpli ol kvardek ĉeestis kaj tiu konstato devigas nin pripensi la estonton kun iom da pesimismo. Aliflanke , popola diro asertas, ke el la profunda nigra nokto oni ekaperigu la volon, por pli forte atingi kaj retrovi la lumon de la naskinĝanta nova tago. Do ni konservu nian esperon al pli bona estonto.

La partoprenantoj certe travivis agrablajn travivaĵojn en nia bretona regiono, ni ĉiam pretas recevi gastojn kaj doni bonegajn momentojn en la resaniga atmosfero de la marbordoj kun jodaj odoroj kiuj riĉigas la freŝan aeron. La vojo al Bretonio restos ĉiam malfermita al ĉiuj kiuj scias ŝati la belajn aspektojn de la vivo. La esperantistaro posedas tiujn ŝatatajn valorojn.

Koran dankon al vi, geamikoj, partoprenintoj al nia jarkongreso de FFEA.

**Jean Mével**

# VOJOJ AL SUKCESO
## Kvara parto)

*En la antaŭaj tri numeroj de IF ni aperigis la unuan, duan kaj la trian parton de la broŝuro de Heinz Dieter Hartig. El la kvin gravaj temoj ni publikigis jam tri temojn: „Grupoj", „Kursoj" kaj „Prelego kaj raporto". Nun sekvas la kvara temo. (La numero estas daŭra).*

**VARBADO**

**24. Unue pensu – poste varbu.**

**Planu.** Esploru vian liston de interesatoj. Pripensu, kiamaniere vi alfrontos la varbadon.

**Nekonatoj.** Listigu ilin kaj observu la reagon. Jen alia varbmetodo kiel ĉe persone konataj personoj.

**Metodoj.** Starigu arkivon de eblaj metodoj. Observu la metodojn de firmaoj. Vi povas tiel multe lerni. Atentu la faldmanieron, paperon, paperkoloron, formaton, aranĝon…

**Teksto.** La sukceso dependas de tio, kiel lerte vi povas uzi la vortojn. Vi povas dorloti, minaci, konvinki, persvadi… La teksto devas instigi la leganton al ago. (Studadu iom la semantikon!).

**Faktoj.** Vi mem devas esti tute klara pri la faktoj de via entrepreno. Antaŭ la tekstado pripensu la faktojn.

**Rezistoj.** Esploru rezistojn kaj analizu ilin. Studaĵo de la negativa flanko respondas al: „Kial oni kontraŭas?"

**Negativaj faktoj.** Imagu senindulgan konkuranton, kiu celas detrui viajn ideojn. Esploru la negativajn faktojn. Kio ne estas en ordo en nia estraro, en nia organizo? Esploru la materialon, la argumentadon. Kompensu la negativajn faktojn! Neniam fermu viajn okulojn antaŭ rezisto, sed esploru la kaŭzon!

**Akto-analizo.** Skribu sur slipon: Notu ĉiun fakton pri la organizo, ties reputacio kaj signifo.

1. Servo: Difinu la servojn de via movado, la historian materialon, la evoluon, la estontecon. Starigu katalogon.
2. Akceptontoj de via varbado: Esploru la medion, komunajn interesojn, profesion. Komencu ĉe la plej grava akceptonto!
3. Disdon-metodo: Esploru la plej efikan metodon. (Poŝte, persone…)
4. Kopiojn de viaj varbfolioj/leteroj kolektu, por ke vi ne ripetiĝu, kaj por ke havu instigilojn. Indiku ankaŭ viajn kostojn kaj sukceson.

**25. Homaj neperfektaĵoj.**

**Memintereso.** La plej multaj homoj estas tiel interesataj pri si mem, ke la horizonto estas tre limigita.

**Kontraŭ novaĵoj.** Ili estas skeptikaj pri ĉiu novaĵo kaj ŝanĝo.

**Forgesemo.** Ili forgesas rapide kaj memoras nur neprecize.

**Batalemo.** Ili preferas batali kontraŭ io ol por io.

**Demonstraciemo.** Ili ne ŝatas diferenci de la najbaro – escepte per ecoj, kiuj estas laŭdataj de ĉiuj.

**Hezitemo.** Ili transprenas nenion, eĉ ne en gravaj aferoj, se ili ne estas pri la subteno kaj konsento de la plejmulto.

**26. Pozitivaj antaŭjuĝoj.**

**Kutimoj.** La normala konsumanto restas fidela al siaj kutimoj – tiel ili ne dolorigas longe.

**Opinioj.** Li preferas „antaŭ-manĝitajn” opiniojn – kaj eĉ defendas ilin ĝismorte.

**Modelo.** Li sekvas modelon kun fermitaj okuloj, eĉ se li scias, ke ĝi estas jam iom kaduka.

**Laŭdo.** Li krias plengorĝe „jeeees!”, se oni laŭdas lin pri io.

**Imago.** Li klopodas ŝajnigi, esti kapabla homo.

**Sentemo.** Li estas pli facile konvinkebla per la sento kiel per raciaj argumentoj.

**Kostoj.** Li ŝatas malaltajn prezojn – sed li malŝatas ŝparemon.

**Estonteco.** Li adoras la estintecon, kaj konsideras la estontecon nesekura kaj eĉ en danĝero.

**27. Skribu varbleterojn, sed esploru antaŭe.**

**Kio plaĉas** al la homoj, kiuj ricevos vian varbleteron aŭ informilon.

**Pli bone:** esploru, kio ne plaĉas al ili.

**28. Rekta varbado.**

**Persona kontakto.** Starigu liston de eblaj interesatoj; ŝerce: viktim-listo. Informu unue sen limdato por respondo.

**Demandigu** la interesatojn, scivoligu ilin per plej interesaj faktoj.

**Bonvolo.** Flegu la kontakton per donacoj (broŝuro, ĵurnalo…), sed ankoraŭ ne parolu pri aliĝo.

**Kutimiĝu** per regula disdono de revuoj aŭ informiloj. Invitu al interesaj aranĝoj.

**Aktivigu.** Lasu ilin fari ion negravan, nestreĉigan por Esperanto (kunporti leteron, transdoni revuon…)

**Via horo** estas, kiam ili ĝojas pri agrabla okazo. Ili volas tiam aldoni ion kaj danki!

**Estu pacienca.** Neniam urĝigu la aferon! Ili devas peti pri aliĝo!

**29. Testlisto por varbletero.**

**Celo.** Kion vi intencas?

**Kiu** estas la ricevonto?

**Karakterizo.** Atentu la karakterizon de la homo, kiu ricevos vian leteron.

**Avantaĝoj.** Ĉu vi menciis la avantaĝojn?

**Kontraŭaĵoj.** Kial la leganto kontraŭus?

**Konfido.** Ĉu vi faris ion por gajni konfidon?

**Enkonduko.** Via sukceso dependas je 90%-j de la enkonduko.

**Instigo.** Urĝigo kaj limigo.

**Stilo.** Pripensu la skribmanieron.

**Faktoj.** Atentu faktojn.

**Formulu** plastike (konservu bonajn frazojn, kiujn vi trovis).

**Varbrimedoj:** Personaj kontaktoj (plej valoraj): leteroj, faldfolioj, folioj, broŝuroj, informiloj, cirkuleroj, prospektoj, anoncoj, donacoj.

**30. Atentu ĉe varbletero.**

**Skribu pozitive.** Zorgu, ke la leganto diru ĉiam „jes!”. Komencu la novan frazon per „nova, senkosta, serĉata, ĝis nun…”.

**Kvar gravaj eraroj:**

1. Sensencaj vortoj – ili estas sensencaj!
2. Nekorekta stilo kaj gramatiko kaŭzas nekonfidon!
3. Neklara esprimo de viaj pensoj!
4. Agresemaj kaj malagrablaj vortoj! Al tiuj apartenas ankaŭ „mi, mi”! Evitu mi-mi stilon – la interesato estas la heroo!

**Ĉiujn kvar punktojn** vi povas studadi ĉe komerca reklamo!

**Skribu legeble.** Ne uzu tro longajn frazojn kaj vortojn.

**Evitu:**

Enuigon. Parolu kaj skribu en la maniero de via interesato.
Eluzitajn parolturnojn.
Ne instruu ĉe varbado!
Ne diskutu ĉe varbado!
Ne kritiku ĉe varbado!
Ne sentu vin mem pli kapabla ol la interesato – ankaŭ li havas siajn kvalitojn.
Ne troigu!

### 31. Fari tekston.

**Surskribu.** Atentigu, scivoligu.
**Enkonduku.** Kaptu la intereson.
**Priskribu** vian aferon.
**Sukcesoj** ĝisnunaj por konvinki.
**Juĝoj** de aliuloj konvinkas.
**Preferindaj** faktoj allogas.
**Konvinka** prezentado.
**Instigu** al aktiveco (minimume konsento).
**Fino** konfirmo.

### 32. Aranĝi enketon.

**Demandu,** ĉu oni pretas helpi.

**Klarigu,** pri kio temas.

**Akcentu,** ke la respondo gravas.

**Diru,** kiom multe da tempo la respondo kostas.

**Aldonu** afrankon aŭ rekompenson.

**Respondo** estu „jes” aŭ „ne”.

**Duplikato** por la enketilo.

### 33. Enketilo por esplori „Novajn vojojn”

**Meditu** pri la subaj demandoj!

**La respondoj** konsciiĝas pri la faktoj kaj helpas.

**Esplori novajn vojojn en via varbmetodo.**

**Nomu** la avantaĝojn de nia movado.

**Nomu** pozitivajn faktojn de nia movado.

**Menciu** servojn de nia movado.

**Nomu niajn celojn.**

**Pri kiu vi sonĝas** rilate al nia movado?

**Kiel informi?**

**Kiel devas aspekti** inform-anonco?

**Kiel veki** inform-dezirojn?

**Menciu** inform-rimedojn.

**Menciu** la plej efikan disdon-metodon de inform-materialo.

**Kiel varbi** celtrafe?

**Kio devas** esti en programo?
por kursoj?
por kunvenoj?
por grupvesperoj?
por informvesperoj?

**Kiel anonci** programon?
**Kiel instigi** al aktiveco?
**Kion fari** por ke homoj venu?
**Kiel veki** intereson?
**Kiuj problemoj** ekzistas?

**Laste: Meditu pri ĉiuj demandoj!**

**Traktu tiun enketon en via grupo kiel diskut-bazo!**

*Jen la kvara temo. Ni daŭrigos kun la lasta grava temo („Ĝeneralaj temoj”) en la sekva numero de IF.*

**La redaktoro**

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 2013

**Antaŭrimarkigo**

La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diverspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj".

**Niaj mortintoj**

Listo de mortintoj estos legata dum la plenkunsido en la 66-a IFK en San Benedetto del Tronto.

**1. Membrostato**

La aktuala membrostato de IFEF estas: 490 laŭ la pagitaj kotizoj, 1307 laŭ la sumo de la membroj de la unuopaj LA-j.

**2. Interna laboro**

**2.1. Estrarkunvenoj**

La estraro kunvenis dufoje: en San Benedetto del Tronto (IT) 18.03.2013 kaj en Baile Felix (RO) 22.10.2013. La temoj de la kunvenoj jam estis traktataj detale en la protokoloj.

**2.2. Ĉefkomitatano**

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. li forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la Vp. Kune kun la Ks/Rd ili daŭre ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Li bone atentigis la komitatanojn por sendi en ĝusta tempo la ŝanĝojn kiuj intertempe alvenis kaj la eventualajn kongresproponojn.

**2.3. Vizitoj**

La e-kunsido en San Benedetto okazis sen speciala programero. Rimarkinda estis la akcepto de la estraro en la urbodomo por prezenti la kongreson, kiu okazos en la urbo mem. La skabeno pri ekonomio kaj turismo estis tre feliĉa ekkoni la estraron kaj la esperantan ideon kaj promesis helpon pri la kongreso. Okazis ankaŭ ekskurso al la provinca ĉef-urbo Ascoli Piceno, celo de duontaga ekskurso dum la kongreso.

La e-kunsido en Baile Felix ankaŭ ne okazis dum speciala renkontiĝo, rimarkinde estas ke la e-o loĝis kaj kunvenis en renovigita stacidomo nun adaptita kiel gastejo por fervojistoj dum feriado en tiu termala banloko. Okazis vizito al la urbo Oradea, kie lokaj esperantistoj ĉiĉeronis tra la urbo, malkovrinte mirindajn vidindaĵojn pri kiuj oni ne imagis.

**2.4. Situacio kaj estonto de IFEF en kelkaj landoj.**

Dum lastaj jaroj en kelkaj landaj asocioj de IFEF la agado preskaŭ ĉesis. La taskoj estas praktike nur sur la ŝultroj de kelkaj membroj, eĉ la multmembraj asocioj ne plu havas la fortojn por reagi al ĉi tiu situacio. La kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la fervojista E-movado, malboniĝas la ekonomia situacio, kontinue ŝanĝiĝas la fervojaj organizoj.

Pozitivaĵoj venos nur pro la organizado de la IFEF kongreso en Ĉinio, kiun oni anoncis kun bona espero pri la rezulto. Ĝi okazos samtempe kun la ĉina esperanta kongreso kaj ili bone laboras por doni bonajn impresojn al la partoprenantoj .

**3. Laborplano**

**3.1. Koresponda Servo**

La korespondado okazas pere de interreto, eĉ pli bone estas per IFEF diskutad-grupo, en kiu ĉiuj listanoj povas partopreni.

**3.2. Junularo**

Nenio estas rimarkinda.

**3.3. Faka Komisiono**

**3.3.1 Terminara Sekcio**

La progreso ĉe tradukado de la lasta nova kvincent nocia serio de anglaj, francaj kaj germanaj terminoj al Esperanto tre superas la progreson, kompare kun aliaj lingvoj. La terminaro de *UIC* estas nur parte **difinvortaro**, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Termindecidoj okazas en kongresaj kunsidoj. En la du pasintaj jaroj aperis po 3 numeroj de TeKu kun averaĝe po 7 novaj taskoj. La Esperanto-difinoj enigitaj en la *UIC*-datumbankon ĝis nun jam estas pli ol 1800.

**3.3.2 Fake Aplika Sekcio**

En 2013 aperis "Fervojfakaj Kajeroj" n-ro 21.

**3.5. Fervojista kontaktkunveno dum la 98-a U.K. Rejkjaviko**

La Vpr-ino partoprenis tiun kongreson.
Ŝi ne salutis la kongreson dum la malfermo, sed post la elekto de la nova estraro, ŝi kontaktis la novajn estraranojn kaj klarigis al ili ke ekde la jaro 1953 IFEF estas aliĝinta faka asocio de UEA, do jam de 60 jaroj, pro tiu jubileo dum la ferma solenaĵo ŝi rajtis saluti la kongreson nome de IFEF kaj de ĝia prezidantino. Ŝi partoprenis la movadan foiron, sabaton la 20-an, la 2 estrarkunsidojn de UEA: sabaton la 20-an kaj vendredon la 26-an, la 2 subkomitatajn kunsidojn: pri kulturo kaj faka agado: mardon la 23-an, la fakan forumon, ĵaŭdon la 25-an.”

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF vintrasemajnoj**

Internacia vintrasemajno ne plu okazas, sed kelkaj LA-j organizis landajn aranĝojn al kiuj partoprenis ankaŭ eksterlandanoj.

**4.2. IFEF-Kongreso**

La 65-a IFK okazis en Artigues prés Bordeaux (FR) 04-11.05.2013. Ĉeestis 129 IFEF kaj 131 UFE (entute 260) partoprenantoj el 19 landoj.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. IFEF estas la plej vasta kaj unu el plej bone organizitaj fakaj esperantistaj aliĝintaj asocioj.

**5.2. FISAIC**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter FISAIC kaj IFEF estas relative bonaj. Pro la fakto ke kelkaj LA-j de FISAIC plu ne aliĝas al ĝi, oni instigis kaj proponis aliĝi al FISAIC kiel unuopa asocio por doni al ĉiuj LA-j de IFEF saman rajton. S-ro Wallerand, eksĝenerala sekretario de FISAIC proponis statutŝanĝon por rekoni membrojn, asociojn kiuj agadas internacie ene de FISAIC mem.

**Fina komentario**

La situacio de nia federacio estas preskaŭ sama al tiu de la pasintaj jaroj, en kelkaj landoj la agado preskaŭ ĉesis. Pozitiva afero restis la fondo de Kuba Fervojista Societo Esperanto, kun ĉirkaŭ 16 membroj, kvankam pro ekonomiaj problemoj kaj malproksima distanco al Eŭropo, la kulaborado ne estas tiel ofta. La rilatoj kun aliaj esperantaj asocioj estas bonaj, ĉefe kun ILEI pri kunlaborado, fakte dum la kongresoj estas planitaj seminarioj aŭ kursoj fare de ĝiaj membroj.

Bolonjo, 28 februaro 2014. **Vito Tornillo**

# Dekjariĝo de la E-klubo "AMIKECO" en Braŝovo

Kvankam la internacia lingvo Esperanto havas tre malnovan heredaĵon en Rumanio (jam komence de la pasinta jarcento ĝi estis uzita en E-kluboj de Bukareŝto kaj Galaci), pri organiza movado enkadre de la fervojista medio oni povas paroli nur post la sociaj kaj politikaj ŝanĝoj, kiujn la Revolucio de decembro 1989 iniciatis.




La 14-an de septembro 1991 fondiĝis la Rumana Esperanta Fervojista Asocio (REFA), kiu aliĝis al IFEF - Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj. Nuntempe REFA havas kvin filiojn en Braŝovo, Bukareŝto, Galati, Sibiu kaj Craiova. *La nuna Esperanto-Klubo stariĝis en la Fervoja Hospitalo de Braŝovo kun permanenta agado, kiu pli poste, la 27-an de februaro 2005 - okaze de la Semajno de Internacia Amikeco - ricevis la nomon "Amikeco". T*iuepoke estis malmultaj membroj kiuj renkontiĝis ĉiun mardon vespere: Mihai Stefan, Emil Craciun, Emil Tudorache, Cristina Aldesiu, Rusalca Butuc, Mihaela Marcu, Constantin Marcu, Dan Dinu Ioan, Attila Bartha, Rodica Todor, kaj la ĉefa celo de la laboroj estis la iniciato de la organizado de la 57-a kongreso de IFEF en Braŝovo. Dum sia dekjara ekzisto novaj membroj aliĝis al la klubo "Amikeco", sed kiel tajdoj multaj foriris, aliaj restis, tamen vigla eta grupo daŭre agadis ĝis nun. Dank` al tio la klubo organizis plurajn Esperanto-aranĝojn naciajn kaj internaciajn. Kadre de la semajnaj renkontiĝoj oni instruis Esperanton, oni akceptis eksterlandajn gastojn, kiuj prelegis pri siaj landoj kaj kluboj, oni organizis komunajn ekskursojn, kaj… oni babiladis ĉe glaso da biero…




En Braŝovo okazis du internaciaj E- kongresoj :

- la 57-a IFEF kongreso, 07-14.05.2005,
- la 83-a kongreso de SAT, 01-06.08.2010.

La klubanoj ĉeestis internaciajn Esperanto-kongresojn, ekz. en Herzberg am Harz (2012), ili lernas Esperanton, akceptis esperantistajn gastojn el Japanio,

Portugalio, Litovio kaj Sud-Koreio. La Klubo « Amikeco » organizis jarajn renkontiĝojn, ekz en Tuŝnad en la jaro 2009. Eĉ ili organizis ekskursojn por enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj tra la montaro Karpatoj ĝis la Danuba Delto, de Braŝovo ĝis Bukareŝto. Okazis ekspozicioj de pentraĵoj, kie partoprenis Ho Song esperantista pentristo el Sud-Koreio (en majo 2012). Havis grandan sukceson ankaŭ la interesa ekspozicio pri la Esperanta literaturo.



Daŭrigante la tradicion de IFEF la klubo sinsekve organizis Internaciajn Fervojistajn Esperanto-Skisemajnojn (IFES), kaj poste la Vintran Internacian Semajnon por Esperantistoj (VISE) kun tradiciaj karnavaloj, ĉiam la lastan semajnon de februaro. Multaj fervojistaj esperantistoj ĉiujare ĝuis la mirindajn neĝajn regionojn, kaj la konkurojn por skiado kaj aliajn interesaĵojn.

Mi adresas elkorajn dankojn al ĉiuj membroj, kiuj diversmaniere kontribuis en diversaj epokoj de la ekzisto de la Esperanto-klubo "Amikeco" por konatigi, enkonduki kaj uzi ĉitiun mirinde efikan komunikilon - la internacian lingvon Esperanto. Sen ilia kontribuo, ni ne povus fieri nun, post dek jaroj de ekzisto de la Klubo, pri tiom da interesaj, belegaj kaj multnombraj aranĝaĵoj.

**Kio sekvos**:

01.-12.06.2014 - *Ekkonu Rumanion de Karpatoj ĝis la Delto de Danubo kaj la Nigra Maro!* – 12-taga tradicia somera aranĝaĵo por esperantistoj, dum kiu oni povas malkovri diversajn regionojn de la lando, de la ĉefurbo Bukareŝto kaj Transilvanio - trapasante Karpatojn, ĝis la unika Delto de Danubo, Biosfera Rezervejo.

19.-25.07.2014 - *Internacia Esperanto-Konferenco de OSIEK* - Temo: La maro en literaturo kaj muziko.

***Estu bonvenaj en Rumanio, en Braŝovo!*** **Rodica Todor**

# Kiel akiri junajn adeptojn por idealismo ĝenerale? Kaj kiel aparte por ESPERANTO? Ne nur problemo de IFEF!

La reganta/fiaskinta kapitalismo prefere ignoras ĉiujn idealismajn/kulturajn asociojn – eventojn agnoskas nur profitcele! Ĉiurilate ĉefrolas la mono/profito. Tiusence eĉ la sporto jam estas pli komerca ol idealisma!

Kulturaj aprezoj per si mem ne estas „kapitalisme lokigitaj". Iam ŝtataj entreprenoj – aparte la fervojoj - estas privatigitaj kaj mastrumadas kapitalisme.

En Eŭropa Unio la fervojoj estas dividitaj al 80 branĉoj – fakaj sekcioj – al kiuj strukture malpli konvenas la tradiciaj elementoj.

Eĉ ĉesigas necesan interligan trafikon inter „EU-landoj", se ĝi ne estas sufiĉe profitdona!

Ekz. por alveturi Italion (IFK - S. Benedetto) oni devas uzi taksion (aŭtomobilon) de Arnoldstein al Tarvisio! Neniam en la historio estis simile!

Regas ne pretervidebla senlaboreco. Tiel ke la laborantaj homoj „devige" strebas plenumi ĉiujn postulojn, por plua ekzistado. Eĉ malsanecojn multaj „ignoras", por ne perdi siajn postenojn. Pli kaj pli senskrupule oni ekspluatadas la laboristaron. Hontige sklavigas la emigrantojn el pli malriĉaj landoj!

La sindikatoj – strategie draste reduktitaj, helpe de la „neŭtralaj" amaskomunikiloj - ne plu disponas pri la necesaj fortoj, por pli efike kontraŭstari la koruptajn sintenojn de la superuloj, kiuj altigas siajn proprajn salajrojn kaj premiojn malgraŭ deficitaj rezultoj.

Kion kredu, aparte la junularo, al kiu plene mankas estontecaj perspektivoj?

„Aŭ strebi zorgeme por la ĉiutaga vivo, aŭ fali en la abismon!"

Ĝenerale por flankaj ŝatokupoj – aparte por Esperanto, kiu apenaŭ certigas vivtenan laborbazon – apenaŭ restas „tempo".

Anglismo kaj „MONismo" sendube regas la nunan mondon! Kaj tio ne tre baldaŭ ŝanĝiĝos, ĉar ankaŭ la estontaj generacioj jam estas ŝarĝitaj de jam ekzistantaj ŝtataj ŝuldoj! Ŝuldoj faritaj grandparte por subteni la fiaskantan kapitalismon, la bankojn! Plene renversitaj prioritatoj!

Jen nia plej tristiga dilemo!

Tamen estas konsilinde pensi iom optimisme kaj provi trovi almenaŭ vojetojn al pluekzistado de idealismo! Ja ĉiu reganta sistemo iam „subiras"!

Necesas batalegi por la homaranismo – niaflanke por Esperanto!

**Martin Stuppnig**
Honora Membro de IFEF

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**64-a eldonjaro**
**Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)**
rodica_todor@yahoo.com

**Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)**
sylviane.lafargue@dbmail.com

**Sekretario: Vito Tornillo (Italio)**
vitorni@virgilio.it

**Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)**
laurent.vignaud@free.fr

**Redaktora Komisiono:**
**Gvidanto: István Gulyás (Hungario)**
istvan.gulyas@hdsnet.hu
**Membroj: J. Patay, J. Ripoche**

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud”**
**9 293 74 Y NANTES**
**IBAN:**
**FR3320041010110929374Y03237**
**BIC-kodo:PSSTFRPPNTE**

**UEA-konto: iffk-o**

**Apermonatoj:**
**januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro**

**Redaktofino:**
**Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato**
**ISSN 0230-323x**
www.ifef.net

**Faka Komisiono:**
**GV: Jan Niemann**
niemann@kabelmail.dk
**SK: D-ro Heinz Hoffmann**
hoffmann-ifef@cablemail.de
**SK: Inĝ Ladislav Kovař**
kovar.lad@email.cz

n Paco!

# GERTRUD EGGENBERGER
## (06.02.1925 – 19.02.2014)



Denove funebras la fervojista esperantistaro. La 19-an de februaro 2014 Gertrud Eggenberger en sia 89 jaraĝo pace kaj trankvile forpasis en Winterthur.
Ŝi membriĝis jam en la 50-aj jaroj de la pasinta jarcento en Winterthur. En la jaro 1973 la Ĝenerala Kunveno elektis ŝin „asesorino”, kiun ŝi plenumis ĝis 1979. En la sekva jaro ŝi transprenis la taskon „afergvidantino”, kaj poste „kasistino”, fine ekde 1984 oni elektis ŝin „prezidantino” de SAEF, kion ŝi majstris kun bravuro ĝis la malfondo de SAEF, fine de la jaro 2004.
Gertrud Eggenberger en la kadro de Eŭropa Ferio-Semajno (EFS) helpis konatigi sennombrajn esperantistojn kun diversaj kaj belegaj regionoj de Svislando. Ankaŭ ŝi kunlaboris en „Gaja Esperanto-Rondo Instrua” (GERI), en kiu partoprenis ĉefe svisaj esperantistoj por pliklerigi sin en Esperanto.
Ŝi havis kapablecon – apud 4 geinfanoj – verki interesajn artikolojn, kaj aperigi tiujn en SAEF-bulteno, je kio ŝi estis la redaktorino.
Estas doloriga memoro por la „Pariza Klubo”, en kies kadro dum ĉiuj IFEF-kongresoj ni solenis per komuna babilado pri la belegaj tagoj en Parizo.
Ŝian agadon alte taksis nia Federacio, kiam en 2004 honoris ŝin per la distingo „Honora Membro” de IFEF.
La funebra ceremonio okazis la 27-an de februaro 2014, kie multaj esperantistoj partoprenis el diversaj regionoj de Svislando, kaj Esperanto-ĥoreto pliriĉigis tion per E-kantoj kaj poemoj.

La forpaso de Gertrud Eggenberger estas granda perdo de la E-movado.
Ripozu en Paco!

**La redaktoro**